# Konstru-Forumo 17

Julio 2009

Jan Werner; retadreso: <...@...>

## Enkonduke al la 17-a numero

La enkondukan konsideron frontpaĝe de la 16-a n-ro neniu forumano komentis. Spite tion mi konjektas, ke mia rezonado estis komprenata pozitive kaj rezultigos sinceran klopodon pri distinga precizo en trovado de novaj terminoj.

Tamen unu okaza eksterforuma leganto tuŝis enhavon de la enkonduko, nome la prezentitan ekzemplon „modluro". Li estas konstru-inĝeniero, pri artisma flanko de arĥitekturo li ne okupiĝas, tial li modeste konfesis, ke li ne scias, kio estas modluroj. Mi kredas ke eble ankaŭ iu el ni, aktivaj forumanoj, ne havas klaran scion pri tiu afero. Laikoj eĉ imagon ne havas pri tiu „mistero". Sed tiu fakto ne signifas, ke ni rezignu pri malkaŝo de por ni svagaj arĥitekturaj detaloj. Estas ja bezone disponi pri klasifiko ankaŭ de modluroj, eble por la Jarkolekto 2010 ni trovos arĥitekton, kiu aŭtoros analizan aranĝon de la tuta modlura vico.

Al la enkonduka, konsidere medita alparolo mi aldonas instigon: Pluraj el ni kompiladas artikolojn por „Jarkolektoj de TAKE", nunjare jam la kvinan fojon. En tiu krea agado ni solvas terminajn problemojn ofte en privata kaŝiteco. Poste, legante tekstojn de la ceteraj kolegoj, denove nur en nia persona privatejo, sen publike reagi ĉu al la enhavo, ĉu al la lingva flanko. Mi instigas vin trakti la lingvajn problemojn antaŭe, almenaŭ koresponde kun kolegoj profesie al la temo proksimaj. Nunjare reciproke legis siajn tekstojn Fabien van Mook kaj mi. Ambaŭ flankoj levis proponojn… kelkaj estis akceptitaj, kelkaj restis solvotaj. En tiu diskuto sin montris diferencoj en nomoj de kelkaj konstrufizikaj grandoj. Nia duopo verŝajne ne trovos plenan interkonsenton. Ĉar en nia kolektivo ne estas pliaj fizikistoj, mi planas post ferioj alparoli specialistojn ekster nia forumo. Kiu el vi scias pri profesia fizikisto, informu min. – En tiu senco mi instigas ankaŭ vin, prezentu viajn nove formitajn nomojn, komence koresponde, poste helpe de nia platformo „Ko-Fo", kaj laŭbezone en kolektivo de specialistoj trovataj dise en la movado. Levi la nivelon de nia faklingvo estu nia konstanta kaj serioza tasko.

Sekvante fakajn aktivecojn de esperantistoj dum jardekoj, precipe la disvolvadon de fakaj lingvoj ĝenerale, oni ne povas esti kontenta. La agadoj estas nemultaj, plej ofte koncentritaj ĉe unuopuloj, kolektivaj laboroj okazas (miascie) nur ĉe fervojistoj, botanikistoj, forstistoj. Nekonsiderante organizaĵojn religiajn, kulturajn kaj socipolitikajn, en la Jarlibro de UEA 2009 mi trovas nur ĉirkaŭ dudekon da ceteraj, sed mi dubas, ke ili sisteme (terminologie) zorgas pri la lingvo de sia fako. Prave mi dubas pri racia strategio de la movado entute. Senplezure mi akceptas trafa la redakcian ĉefartikolon de la pola revuo SPEGULO, kiun mi legis en ties nunjara somera numero. La artikolo estas escepte kritika, tamen akorda kun miaj spertoj. El sep punktoj konsiderantaj la staton kaj la estontecon de la movado mi fine de tiu ĉi Ko-Fo-numero retajpos la plej kritikan kvaran punkton. Sur la fono de tiu kritiko mi vidas nian foruman agadon vere pozitiva. Male, laboro portanta signojn de amatorismo efikas al la ekstera publiko negative.

La movado bezonas agadon de profesiuloj. Ni ne ĉesu en nia agado, pripensadu la problemajn taskojn kaj informu min ĝustatempe pri viaj preferoj. Informu ankaŭ pri viaj propraj iniciatoj. Ni ne estu fermita kolektivo. Ni konscie akceptis la internacilingvan ideon, ni subtenu ĝin laŭ serioza maniero, ne hezitu dediĉi al ĝi kadre de nia forumo iom da via libera tempo.

## Kontaktoj

**Đorđe Obradović** atentigis min, ke li informis pri sia starpunkto al la diskutataj termin-problemoj en la 15-a n-ro de Ko-Fo, nome la 22-an de aprilo. Vere mi trovis tiun mesaĝon, sed mankis ties almetaĵo, kaj mi (WE) tiam la sendinton bedaŭrinde ne informis pri tio. La kolego Obradović komunikis la starpunkton ripete en junio, jen ĝi estas:

**Temo 15.** Kvanto, kiu trafluas en tempunuo tra la sekco de iu fermita (tubo, kablo) aŭ nefermita (kanalo, rivero) dukto, kiun ni nomis **flukvanto** aŭ **spezo**, povus esti **traflu(aĵ)o.** Ĝi dependas de diversaj faktoroj kaj ŝanĝeblas de nulo ĝis la maksimumo. Tiu maksimuma valoro estas ankoraŭ ligita al unu termino, nome al trafluo – **traflueblo** aŭ **tralaseblo** de la dukto, kaj havas dimension: Q/s, same kiel **trafluo**. Lige al

tiuj du estas la **rapideco = trafluo/areo de la sekco,** dimensie Q/s; m³ aŭ m/s. Ĉar „ĝi havas tre ĝeneralan signifon kaj rilatas al tre diversaj grandoj“, ĝi estas uzebla en diversaj teknikaj branĉoj.

**Temo 20.** Mi konsentas kun **ladisto,** ĉar la metio jam enhavas ĉiujn materialojn, el kiuj oni produktas ladaĵon. Ni jam havas **lignaĵisto, oraĵisto.** Ankaŭ **plast(aĵ)isto**, se li faras diversajn aĵojn el plasto, sed ne tiu, kiu instalas plastajn tubojn.

**Temo 21.** Jam antaŭ kelkaj jaroj ni solvis **planko-tekto-plafono** kaj tio estas tre bona solvo. En mia lingvo oni uzas por tekto la terminon **interetaĝa konstrukto,** kiu kutime estas slabo el ŝtalbetono.
En la hispana lingvo oni uzas la esprimon **techo,** kiu signifas tegmento, kaj ankaŭ **techar = kovri la domon** kaj **techador = tegmentokovristo.** Sed la domoj ofte havis (nun malpli) la ebenan tegmenton, (kiun ĉirkaŭas la masonita barilo), kiun oni uzas por sekigi lavitajn vestaĵojn. Korajn salutojn de Đorđe.

**Fabien van Mook** kontribuis (2009-06-27) al la diskutataj temoj plej detale. Mi dankas al li.

**Ginta Uittenbogaard** informis: Mi denove estas en Nederlando kaj dankas vin pro la mesaĝo kaj informo pri Ko-Fo 16. Certe, mi provis ĝin malfermi uzante ĉiujn malfermoprogramojn, kiuj estas en la komputilo. Helpe de la lasta versio de Adobe mi povis vidi, ke en ĝi temas pri terminoj, sed la vortoj estis disigitaj, disformitaj tiel, ke mi tute nenion povis tralegi. Kun aliaj programoj estis la rezulto ankoraŭ malpli bona. Kian malfermoprogramon uzas aliaj forumanoj? **WE**: La Konstru-Forumon mi tajpas en Word 2003, konsili mi ne scias. Post via konstato mi ankaŭ la lastan n-ron sendis al vi per ordinara poŝto surpapere (al via adreso en Germanio). Espereble vi ricevis ĝin. Kiu scias helpi en la problemo pri malfermo de retpoŝta almetaĵo, kontaktiĝu al: <...@...>.

**Pierre Grollemund** sendis al mi parton de lia kontribuo por la Jarkolekto 2009 (bildoj 6 kaj 7). Kelkaj liaj termin-proponoj estas diskutindaj. Mi instigas lin, ke li formulu temojn por nia rubriko «Ni solvas termin-vakaĵojn» Temas ekz. pri via «elstara tubo», laŭ la bildo mi konsideras ĝin *tegmenta ventol-tuba ekstremo* (angle: *vent terminal, roof terminal*; germane: *Lüftungsansatz, Dunsthaube*). La kuraĝa verkado estas laŭdinda.

**Ĉu nova kunlaborantino en Rusio?** La 23-an de julio 2009 Jan Werner ĉiĉerone akompanis tra la urbo Brno grupon de 26 rusaj esperantistoj. Inter ili li trovis konstrufakan projektistinon Galina Terentjeva. Invitita al kunlaboro en Ko-Fo, ŝi promesis. Ni esperu, ke en la venonta Ko-Fo-letero ni legos pri ŝi.

## Artikolo de Fabien van Mook en slovena revuo

S-ro Đ. Obradović afable tradukis la artikolon «Ventolado de mezgrandaj garaĝoj kaj aŭtoremizoj» publicitan en la Jarkolekto de TAKE 2008 al la slovena lingvo kaj publikigis ĝin en la februara numero (2009) de la faka gazeto *Gradbeni Vestnik*. La slovena titolo estas *«Prezračevanje srednje velikih garaž»*. La skanita artikolo elŝuteblas de la retpaĝo http://fabien.galerio.org/teksten/2009-02-gradbeni-vestnik.html.

## Jarkolekto de TAKE 2009

Rémy BOUCHET – redaktoro – alparolas la kontribantojn kaj kontribuontojn por la jarkolekto de TAKE 2009 : Ĝis la 10-a de junio mi ricevis verkojn de Sen Chengru el Ĉinio, Pierre Grollemund el Francio kaj Jan Werner el Ĉeĥio. Mi atendas la kontribuaĵojn ankaŭ de la ceteraj. Mi ŝatus, se eblas, ricevi ilin **antaŭ la fino de julio**.

Mi memorigas al vi, ke la eldono estos en la formato A5. Atentu do, se en via verko estas tabeloj, ili laŭ la larĝeco ne transpaŝu la paĝon A5. La tekston mi povas facile adapti, sed pli malfacile estas trakti ampleksajn tabelojn, mi preferus eviti la retajpadon, por ne aldoni pliajn erarojn.

Se en via verko estas koloraj bildoj, prefere sendu ilin aparte, per alia mesaĝo, en dosiero sufiĉe granda, por ke mi povu facile igi ilin nigra-blankaj sen perdo de kvalito. Mi aldonas, ke ju pli oni reduktas, des pli oni perdas kvaliton. Grandajn bildojn mi povas facile redukti, sed ne fari la malon. Mi povas legi preskaŭ ĉiujn formatojn, sed tamen mi preferas *tiff* aŭ *jpeg*.
Bonan verkadon, ĝis baldaŭ. *Rémy BOUCHET*

## Terminologia seminario en Dobřichovice (CZ) ne okazos

Petr Chrdle, la posedanto de la eldonejo kaj agentejo Kava-Pech informis min, ke li esploris la intereson pri tiu aranĝo en Ĉeĥio kaj eksterlande, interalie en la Esperanto-kongresoj en la germana Herzberg, kaj la rezulto estas negativa. Pri la seminario ne estas intereso, tial li revokis ĝin.

## Ni solvas termin-vakaĵojn

**La temo 14 – asfalto, bitumo**. Fabien van Mook informis pri nederlandaj normoj bazitaj sur la eŭropaj: NEN-EN 13108, kiuj traktas la temon *Bitumineuze mengsels – Materiaalspecificaties*, la partoj 1, 3, 5, 8. Por observi ilin li iam estonte vizitos la bibliotekon de la TU Delft. Sen pliaj komentoj de la ceteraj membroj. La problemo restas dume nesolvata.

**La temo 15 – spezo aŭ debito, flukvanto, trafluo**. La aprilan informon de Đ. Obradović mi en junio plusendis al Fabien van Mook. Tiu jam elektis, eble ankaŭ pro kelkaj pozitivaj voĉoj (Werner, Longue-Épée, Hinšt) la formon spezo kaj aplikas ĝin en sia artikolo por la Jarkolekto de TAKE 2009, kies titolo estas *Terminoj pri varmotransiĝo el ISO 7345*. La starpunkton de Đ. Obradović (la retmesaĝon vidu supre en Kontaktoj) Fabien komentis jene:

Mi ne tute sekvas la diritaĵon, precipe mi ne komprenas kio estas «tralaseblo de dukto» kaj mi ne komprenas la frazeron «dimensie Q/s $m^3$ aŭ m/s». Ĉu mi bone komprenas s-ron Obradović, ke li ne akceptas la terminon «spezo»? En mia artikolo por la Jarkolekto de TAKE 2009 mi plu traktos la terminon «spezo» en kunteksto de diversaj fenomenoj (varmo, elektro, humido, aero). Eble post la publikigo estiĝos novaj rimarkoj de la forumanoj. Rimarkoj kaj komentoj ja estos bonvenaj. – Rimarkigo de **WE**:

Đ. Obradović la aferon (trafluo + traflueblo, tralaseblo) konsideras bone, estas necese distingi aktualan trafluon (spezon), kiu varias laŭ konkretaj cirkonstancoj kaj la trafluon (spezon), kiu estas maksimumo por la koncerna dukto kaj kondiĉoj. Ankaŭ en mia gepatra lingvo ekzistas la distingeblo:

***Průtok*** (de: *Durchfluss(menge), Durchlauf, Durchstrom*; en: *passage, rate of flow*) – (en hidromeĥaniko, hidrologio, akva mastrumado) volumena trafluo/spezo, t.e. volumeno de fluido (resp. de grajna, ŝutebla substanco, aŭ de miksaĵo de likvo kaj aero k.s.), kiu trapasas fluprofilon en tempounuo. Simile estas difinita masa trafluo/spezo rilatigita al la maso de fluido. Esperanto povus sekvi la naciajn lingvojn per „trafluo“, sed mi vidas logika ankaŭ „spezo“, kiu estas preferata de Fabien.

***Průtočnost*** (de: *Leistungsfähigkeit*; en: *(pipe) capacity discharge (rate)*) – kapablo de fluprofilo en donitaj hidraŭlikaj kondiĉoj realigi certan trafluon/spezon, kutime konsideratan kiel maksimuman. En Esperanto oni povas ĝin vere nomi traflueblo, (tralaseblo), eble spezopovo.

Lastmomenta informo: Ĝuste nun mi trovis malnovan ĉeĥan normon (1975) kun hidrologia terminaro, kie estas montrita dusignifeco de la vorto „trafluo“ konekse al akvo, eĉ en kelkaj lingvoj. Distingiĝo:

1. fenomeno – fluado de akvo tra la traflua profilo – de: *Abfluss* –en: *flow* – ru: *течение* [teĉenie] – la esperanta ekvivalento povas esti: trafluo.
2. kvanto de akvo fluinta tra la traflua profilo en sekundo; ĝi esprimiĝas en litroj/sekundo aŭ en $m^3$/s – de: Durchfluss – en: discharge – ru: расход [rasĥod] – la esperanta ekvivalento povus esti spezo.

Mi petas Đ. Obradović kaj ankaŭ la ceterajn forumanojn, ke ili ankoraŭ foje esprimu sin pri spezo, spezopovo aŭ la tradiciaj (laŭ la naciaj lingvoj) trafluo, traflueblo, resp. pri sia indiferenteco.

**La temo 20 – ladisto, tegmentisto** – Fabien van Mook al la temo aldonis: Mi konsentas kun la reformulitaj difinoj. Mi tamen aldonus «vento» en la difinon de tegmentisto: «... kontraŭ pluvakvo, vento kaj ceteraj efikoj...». Sed tio est detaleto. **WE**: La kompletigon mi registras kaj konsideras ĝin akceptita. Ĉu?

**La temoj 20, 22, 23, 25, 26** estas fermitaj interkonsente.

**La temo 24 – sanktusturo, sonorilturo** – Intertempe okazis la sola komento de Fabien van Mook: Mi certe ne volis malprecizigi… Pro tio mi ja povas nun akcepti «sanktusturo» aŭ «sanktusa tureto» en la kunteksto de rom-katolikismo. Precipe la informoj de s-ro Bouchet helpis al mi. Due, restas al ni la arĥitektura nocio «Dachreiter». Mi proponas „surfirsta tureto“; kiu akceptas aŭ kiu havas alian proponon?

**WE**: Kvankam Fabien akceptis la specifan nomon por la romkatolikaj firstaj sonorilturoj, la ĝenerala interkonsento ne okazis, kion sekvu la konstato, ke la termino estas nedecidita. Mi fermas la priteman diskuton kaj nomon por la koncerna nocio ni lasu al individua konsiderado.

La demandon pri ekvivalento por la germana *Dachreiter* vi povas al mi respondi, mi mem opinias, ke ĝi estas vastsenca, kiel tia ĝi povas esti tradukata laŭ Fabien kiel „surfirsta tur(et)o“. Kiam kunteksto montros, ke ĝi rilatas al la specifa nocio origine traktita en nia temo 24, kompreneble estas eble ĝin nomi „sanktusturo“. Tio signifos, ke Esperanto estas tiurilate pli preciza ol la germana, ankaŭ ol la angla *spirelet*.

**La temo 27 – tabulo OSB *(oriented strands board)*** – Por la solvo „lignerfaska tabulo“ esprimis sin konsente ankaŭ Fabien van Mook: Se mi nun devus elekti terminon, mi akceptus «lignerfaska tabulo».

**WE**: La termino proponita de J. Brozovsky estas akceptita. Dankon al ĉiuj!

<u>**La temo 28 – Dukto & dukti**</u>. Jen du mesaĝoj de Fabien van Mook (iom mallongigitaj): **1**. Mi konsentas pri la konservo de akvedukto por historiaj akvoduktoj. La ideo de «dukto» inkluzive de ĉiuj akcesoraĵoj allogas min. Bonvolu plu ilustri. Mi ŝanĝis mian opinion pri la distingo inter kanalo kaj tubo. Mi nun pensas, ke kanalo (kvazaŭ) rezultas el fosado aŭ borado kaj tubo konstruiĝas per aldono de materialo, kiu formas la tubon. Do, laŭ tiu ĉi priskribo kanalo povas esti ankaŭ «fermita». Nu, eble kanaloj kaj tuboj estas formoj de duktoj. – **2**. En «Hidraŭlika-sanitara terminaro» de Félix Garcia Blázquez el 1982 troviĝas ĉapitro «Akveduktoj kaj drensistemoj». Ne nur tiu ĉi ĉapitro sed la tuta libreto enhavas sufiĉe da interesaj terminoj (eo, en, fr, de kaj es) (sen difinoj) por nia diskuto pri la temoj 28 kaj 30. Ĉu vi ankaŭ posedas la libreton?

Propono de **WE** pri la difino por dukto – kun rimarko:

**dukto** – linia konstruaĵo destinita por distanca transporto (altprema dukto) kaj por loka, komunuma aŭ industria distribuo (basprema dukto) de likvoj, gasoj, grajnaj kaj pulvoraj ŝutaĵoj kaj ties miksaĵoj; dukto inkluzivas tubaron (linia parto), konstruajn, funkciigajn kaj priservajn ekipaĵojn (kompresorajn kaj liverajn staciojn, fitingojn, reguligan kaj mezuran ekipaĵojn). Specoj: akvodukto, naftodukto, gasodukto k.a.

**Rim**.: La radiko dukt estas konsiderata substantiva. La verbo dukt/i enhavas la verban ĉefelementon „i“ (la 3-a regulo de vortfarado), kiu efikas al la flankelemento „dukt“ per adverbigo – (ag)i dukte, aŭ per adjektivigo, farante ĝin sia predikata adjektivo – (ag)i dukta. Ŝajnas, ke pli konceptebla estas la unua eblo: la maniero de la ago – dukti en la senco konduki per dukto. Malgraŭ tiu pravigo estas oportune ne uzi la verban formon dukti, anstataŭ ĝi uzi la ĝeneralan verbon konduki.

<u>**Temo 29 – etaĝo**</u>**.** <u>Bronislav Ĉupin</u> kaj <u>Fabien van Mook</u> konsentas kun la difino de etaĝo publicita en la 16-a numero. <u>Fabien</u> krome konstatas, ke li ankoraŭ ne aŭdis pri ŝtupetaĝo. **WE**: La vorton „ŝtupetaĝo“ elpensis mi por ekspliki la slovakan, ĉeĥan kaj germanan nomojn por etaĝoj <u>super teretaĝo</u> (*poschodie*; *poschodí*, *patro*; *Stockwerk*, mallongigite *Stock*). Estas eraro nomi ilin unua etaĝo ktp., ĉar reale ili estas la dua etaĝo ktp. Nepre ne estas bezone enkonduki la vorton ŝtupetaĝo (temas nur pri helpvorto). Ni klopodu kutimigi esperantistojn **kalkuli superterajn etaĝojn ekde la unua supertera supren kaj la subterajn (kelajn) ekde la unua subtera malsupren. La teretaĝo estas la unua supertera etaĝo kaj ni konsciu, ke ĝi kutime estas iom altigita rilate al la tereno, la grado de la altigo varias laŭ situacio, laŭ funkcia aŭ subjektiva motivigo de projektanto.** Konsekvence la unua subtera etaĝo povas space iom superi la terenon, kio ebligas la unuan subteran etaĝon ekipi per malaltaj fenestroj por la kelon aerumi kaj tage prilumi.

<u>Václav Stibůrek</u> (CZ) informas: En *Plena Vortaro de Esperanto*, la kvara eldono, 1953 verkita de E. Grosjean-Maupin, A. Esselin, S. Grenkamp-Kornfeld kaj G. Waringhien troviĝas jena klarigo – p. 116: **etaĝo** – samnivela parto de domo: *sur la dua etaĝo (Zamenhof);* **interetaĝo** – *etaĝo inter teretaĝo kaj unua etaĝo;* **beletaĝo** – *unua etaĝo, ĉefetaĝo;* **subtereaĝo, keletaĝo** – *etaĝo sub nivelo de la tero.* Paĝo 468: teretaĝo – e*taĝo samnivela kiel la ĉirkaŭanta grundo…* Al la diskuto mi aldonas: Se la domo estas pluretaĝa, oni parolu ĉiam nur pri la unua, dua ktp. etaĝoj.

**WE**: En PV la klarigo de la pli-malpli jam anaĥronismaj nomoj <u>interetaĝo</u> kaj <u>beletaĝo</u> estas eraraj, ĉar ili sin prezentas kiel la dua supertera etaĝo, ne la unua. <u>Interetaĝo</u> (kutime malalta kaj simpla) servis por la unua supertera etaĝo kun ekz. vendejoj kiel helpa (var-deponejoj, vestejoj k.s.). <u>Beletaĝo</u> estis luksa kaj okupata de posedanto de la domo aŭ de iu alia honora loĝanto, kiu ne deziris per fenestroj vide kontakti fremdajn homojn sur trotuaro antaŭ la domo kaj ankaŭ ne deziris ŝtupe „grimpi“ pli supren. Nuntempe la nocioj/terminoj aperas precipe en malnova beletra literaturo.

Mi permesas al mi fermi la temon kiel interkonsentitan en la senco de la supre grase tajpita difino.

<u>**Temo 30 – kanalizo, kanalizacio, kloako.**</u>

<u>Václav Stibůrek</u> (CZ) informas: Bedaŭrinde PIV malvastigis la signifon de kanalo kompare kun la malnova PV: **Kanalo**. **1**. artefarita plej ofte subĉiela kondukejo por akvo: *urbaj kanaloj por malpuraĵoj (Bein); la Sueza kanalo; stratkanaleto (*apudtrotuara *defluilejo).* **2.**Organa tubo: *spirtubo, buŝtubo* (formita de la malfermita buŝo kaj ĝin sekvanta *spirtubo).* **3**. metafore: Pero, perado: *konigi sian opinion per kanalo de la revuo.* PV: **Kanalizi** (Zamenhof) Provizi per kanaloj. PV: **Kloako 1**. Fosaĵo, en kiu kolektiĝas la hejmaj malpuraĵoj kaj ekskrementoj. **2**. Kanalo, ordinare subtera, tra kiu elfluas la malpuraĵoj kaj ekskrementoj de urbo. **3**. (metafore) Loko, kie multiĝas plej mallaŭdindaj faroj: *tiu urbo, kloako de ĉiuj malvirtoj.* **4**. Ĉe rampuloj kaj birdoj, la ekstremaĵo de intesta kanalo, formanta poŝon.

<u>Bronislav Ĉupin</u>: **Kanalizacio** estas kompleto de inĝenieraj konstruaĵoj (tubaj kondukiloj, pumpstacioj, purigaj konstruaĵoj) kaj instalaĵoj (sanitaraj aparatoj, trunktuboj k.a.), ebligantaj akcepton, kolektadon

kaj forkondukon de la uzitaj akvoj de la teritorioj, de loĝlokoj, de industriaj entreprenoj kaj aliaj objektoj kaj ankaŭ purigon kaj malaktivigon de ili antaŭ rea utiligo aŭ forĵeto en akvujon.

Fabien van Mook: La difino «**kanalizo** = provizado de regiono/lando per kanaloj» laŭ mi ŝajnas tute taŭga. Ĝi estas (estu) laŭ mi indiferenta pri pura kaj malpura akvo. Pri naturaj riveroj, kiujn oni rearanĝas, oni povas diri «enkanaligo». Post konsulto de PIV mi opinias, ke «**kanalizacio**» eble estas superflua. Ĝi ŝajnas al mi ankaŭ tre balasta (multsilaba) vorto. **Kloako** estas „kanalo" (eble ni diru nun: dukto), tra kiu elfluas malpuraĵoj kaj ekskrementoj. Mi povas kontenti pri «kloaka sistemo» por tuta sistemo de kloakoj, pumpiloj, akvopurigejoj kaj tiel plu.

Demando, kiu nun venas en mian kapon, estas: ĉu kaj kiel distingi tre malpuran akvon (kun feĉoj, ekskrementoj k.s.) kaj forigendan akvon (precipe pluvakvon), kiu eble iom malpuras (pro malpuraĵoj de tegmentoj ekzemple), sed kiun ni pli ofte kondukas en apartajn sistemojn pro ekologiaj kialoj? La tre malpuran akvon oni forigas per kloaka sistemo; sed kiel nomiĝu sistemo por forigo de malpli malpura aŭ simple forigenda akvo?

**WE**: Nia terminologia problemo koncernu sole komunuman kanalizacion, ne la t.n. „akvojn fremdajn", riverojn kaj la akvojn subsurfacajn. La termino «fremdaj akvoj» signifas pluvakvojn retenitajn per ajna maniero ekstere de kanalizita teritorio, kiuj ne estas defluigataj per rubakva kanalreto. El la supraj kontribuaĵoj estas la plej konvena tiu de Bronislav Ĉupin. Mi ne estas specialisto pri la problemo, sed tamen mi provos ordigi la sistemon:

**Kanalizacio** (en: *sewerage*; *wastewater disposal system* – de: *Abwassertechnik*; *Stadtentwässerung*; *Abwasserableitung* – ru: *kanalizacija* – cs: *kanalizace*) – komplekso de inĝenieraj konstruaĵoj ebliganta sendamaĝan defluigadon de rubakvoj kaj ilian tiomgradan purigon, ke estu konservita la ekonomia valoro de akvofluoj por provizado de loĝantaro, industrio kaj agrikulturo per akvo. Al kanalizacio apartenas rubakvaj retoj, pumpstacioj (se necesaj) kaj purigejoj de rubakvoj. Kanalizacio distingata laŭ speco de rubakvoj: **pluvakva, kloaka, industria**, laŭ proprieta stato **publika, privata**, laŭ la situo **interna** (endoma), **ekstera**.

**Kanalo** (en: *sewer* – de: *Kanal* – ru: *vodostok; kanal* – cs: *stoka*) – tubo, (subtera) galerio, aŭ malfermita akvofoso destinita por defluigo de rubakvoj el parto de defluigata (drenata) terareo per gravita maniero. Laŭ materialo, formo de profilo kaj konstru-teĥnologio kanaloj varias. Laŭ la situo en kanalreto estas kanaloj **strataj**, **kolektaj** kaj **trunkaj** (ĉefkanaloj). La termino „kanalo" estas plursignifa – PIV p. 521.

**Kloako** – kanalo defluiganta kloakan rubakvon.

**Kanalreto** (en: *sewerage network* – de: *Kanalisationsnetz; Entwässerungsnetz; Kanalnetz* – ru: *kanalizacionnaja set'* [сеть] – cs: *stoková síť*) – parto de kanalizacio (kun koneksaj objektoj) defluiganta rubakvojn el certa terareo – intrakomunumo. Specoj: **pluvakva**, **kloaka**, **aparta** (defluigas unuopajn specojn de rubakvo aparte), **semiaparta** (defluigas ekz. pluvakvojn el domtegmentoj kaj pavimitaj stratoj per pluvakva reto kaj ĉiujn ceterajn rubakvojn per komuna reto), **komuna**. Sistemoj laŭ branĉado: **radiala**, **branĉa**, **trunka** (trunka kanalo pasanta laŭlonge de recipiento – ofta en valoj – **zona**.

**Kanalizado** (kanaliza teĥniko) (en: *sewerage* – de: *Stadtentwässerung* – ru: *kanalizacija* – cs: *stokování*) – scienca-teĥnika fako, kiu okupiĝas pri projektado, konstruado kaj mastrumado de kanalretoj.

**Kanalizi** – en la konstrua kaj ekspluata fako „kanalizado" ne estu valida la ekspliko laŭ PIV, provizi per kanaloj regionon, landon, sed nur loĝatan teritorion, tiel nomatan „intrakomunumon". En „eksterkomunuma" teritorio kanalizado kutime ne okazas, tie troviĝas naturaj akvoj „fremdaj". La termino „kanaligi riveron" validas laŭ PIV, p. 522.

**Rubakvo** (en: *sewage*, *waste water* – de: *Abwasser* – ru: *stoĉnaja voda*, *stoĉnaja ĵidkost'* – cs: *odpadní voda*) – akvo, kies natura kvalito malboniĝis pro homa agado. Laŭ sia deveno estas distingataj rubakvoj: **pluva** (pluvakvo), **kloaka, industria, hospitala, komunuma** (miksaĵo de kloaka kaj industria rubakvoj), **agrikultura** (el agrokultura kaj bestbreda produktado). Laŭ kvalito estas distingataj rubakvoj: **freŝa** (ankoraŭ sen anaerobiaj procesoj), **putranta** (kun anaerobiaj procesoj), **infekta** (patogenaj ĝermoj de tia speco kaj grado, ke ĝi devas esti sekurige traktata antaŭ ĝia enlaso en la publikan kanalizacion), **radioaktiva** (…), **toksa** (…). Laŭ aliaj klasifikaj kriterioj distingiĝas rubakvoj: **kruda** (enfluanta purigejon de rubakvo), **antaŭpurigita** (rubakvo, kiu antaŭ enlaso en kanalreton aŭ en purigejon trapasis specialan preparon/alĝustogon, en kiu estis forigitaj substancoj, kiuj povus damaĝi funkcion de la purigejo, sanon de la personaro, event. difekti materialon de kloakoj kaj koneksaj objektoj), **diluita** (rubakvo, kies natura konsisto estas maldensigita per pluvakvo, drenakvo aŭ grundakvo).

**Produktanto de rubakvo** (en: *producer of waste water* – de: *Abwassererzeuger* – ru: *proizvoditel' stoĉniĥ* [сточных) *vod* – cs: producent odpadní vody) – uzanto de akvo, kiu defluigas la uzitan akvon jam ne puran – rubakvon.

**Recipiento** [de WE proponata neologismo] (en: *recipient; receiving water; receiving body of water* – de: *Vorfluter* – ru: *vodopriemnik* – cs: *recipient*) – publika akvaro, en kiun estas enlasataj rubakvoj.

**Forlavaĵoj** (en: *washings* – de: *Abschwemmungen* – ru: *smivki* [смывки] – cs: *splachy*) – malpuraĵoj delavitaj de sur la tersurfaco, objektoj kaj ekipaĵoj.

**Kloakaĵoj** (en: *sewage; domestic sewage* – de: *häusliches Abwasser* – ru: *ĥozjajstvenno-fekalnie* [фекальные] *(bitovie)* [бытовые] – cs: *splašky*) – rubakvo el hejma mastrumo, socialaj establaĵoj, objektoj kun komuna manĝado kaj loĝado k.s.

**Alvoko de WE**: La proponitaj bazaj terminoj por la fako kanalizado estas nur la bazaj, pri kiuj estas inde interkonsenti. Supozeble neniu el ni estas specialisto pri la fako, tamen estas bezone la ĥaosan nocian kaj terminan situacion en la ĝeneralaj vortaroj direkti al iu sistemo. Pripensu la proponojn, konsultu la noci-ojn en faka literaturo event. konsultu ilin kun viaj kolegoj kaj informu min pri via starpunkto, modifoj, ko-rektoj ktp.

## Nova revuo SPEGULO, aperanta en Pollando, kritikas…

En la redakcia artikolo titolita *Ĉu nova Esperanto-movado? Kial, kiam?* (somero 2009) mi legis akran kritikon, kiu miaopinie estas prava. La movado jam 122 jarojn procedas proksimume same. Jam 100 jarojn oni organizas fakan – profesian – aplikon de Esperanto, sed ni spertas, ke preskaŭ nenio estas atingita. Kiu abonas la revuon, pripensu la tuton, por la ceteraj mi represas almenaŭ parton. Vian impreson pri la enhavo mi ŝate legos:

*La arkaikaj tempoj de L. L. Zamenhof jam delonge pasis, almenaŭ en la evoluintaj landoj. Kaj tiuj, kiuj ŝatus revoki ilin, vane klopodas tion. Do, ni devas kompreni, ke nur por ni mem ni estas signifaj, dum la ceteraj persiste kaj senprecedence ignoras nin kaj ankoraŭ longege ignoros nin (se ni tujtuje ne ŝanĝos nian strategion)… UEA, produkto de 1908, se ĝi daŭre funcios tradicie kiel kotizkolektanto kaj servovendanto, povus malaperi, ne adaptiĝonte al la novaj cirkonstancoj. Se oni volas eviti, ke „la mondo" tute forgesos Esperanton kaj konsideros ĝin „causa finita"… Tonkin venis al la konkludo, ke estas bezonata „nova UEA por nova epoko"… La ĉefa celo de UEA estus, laŭ la oratoro, kunigi siajn membrojn por disvastigi la lingvon… ĝi povus plej bone informi la mondon pri Esperanto, plej bone stimuli agadon ekster la propraj rondoj, plej bone reprezenti la Esperanto-movadon ekstere…*

*Analizante la supre starigitajn demandojn, ni sentas la bezonon aldoni kelkajn punktojn en la konsi-derado pri la estonteco de Esperanto…* (WE notas la enhavon de la punktoj 1 – 3 tre koncize, la punkton 4 pliparte, la punktojn 5 – 7 li preterlasas)*:*

***1**. La Esperanto-movado devas emancipiĝi de sia priesperanta koncentriĝo kaj transiri pli ofte al la peresperanta dimensio…**2**. En la strategio… elekti novajn prioritatojn: a) rilate geografion, b) rilate partne-rojn, c) rilate temojn…**3**. …impulsigi pli da pragmataj projektoj en la interenacia laboro, serĉi pli aktive sponsorojn (de ekstere)…*

***4**. …la interna heterogeneco de la movado reduktiĝu, por ke ĝi povu elpaŝi pli unuece. Sub la titolo „Esperanto" agadas la plej diversaj klubetoj, subgrupoj, oranizaĵetoj, asocietoj, kelkfoje iom frenezaj in-dividuoj kaj vere rigidaj ideologiaj tendencoj, kiuj ofte evitas aŭ malŝatas sin reciproke. Al nia movado „aliĝas – flanke de elementoj progresemaj kaj idealistaj – homoj kun utopia mentaleco, stranguloj, maniuloj, kaj aliaflanke malkontentuloj, ambiciuloj aŭ simple amatoroj; ĉiuj malhelpas pozitivan agadon, ĉu ĉar ili ellaboras tute nerealigeblajn projektojn, ĉu ĉar ili uzas la movadon (…) por pure personaj celoj"* (Rim. de WE: temas pri citaĵo el artikolo de Hector Hodler el 1913!)…

*La Esperanto-movado estas elstara ekzemplo de movado, en kiu plej diversspecaj stranguloj, fana-tikuloj kaj ideologiaj ekstremuloj de dekstre ĝis maldekstre dominas la agadon kaj kie multaj diletantoj kaj fuŝuloj povas influi la aferojn, tre ofte surbaze de improvizado kaj malkompetenteco. En la Esperanto-mova-do preskaŭ ne ekzistas objektiveco, grandparto estas dominata de mistiko, memlaŭdo, blufo, legendo, singlo-rado, supertakso, fanfaronado, personkulto. Ĉiu disvastigas sian propran propagandon, sian propran veron, sian propran subjektivan version, ĉu UEA, ĉu la Civito, ĉu SAT, ĉu aliaj – fakte ĉi tiuj organizaĵoj havas ne-nion komunan krom la lingvo, kiun ili uzas, kaj eble krom la mempretendo pri praveco. Fruktodonaj diskutoj en la Esperanto-movado ne okazas, ĉar neniu interesiĝas pri la opinio de la alia, kaj ĉiu fiksiĝas rigide sur sia propra opinio, egale ĉu tiu opinio havas sencon aŭ ne. Sekve diskutoj pri la temo, kiel plibonigi la ak-*

*tualan situacion, fariĝas praktike pli kaj pli malfacilaj. Sciencaj agadoj ekzistas nur malmultaj, plej ofte ligitaj al lingv(istik)aj demandoj, la resto baziĝas sur propagando sen ajna scienca bazo. Al substanca kritiko neniu reagas, eĉ male, la unuopuloj sentas sin ofenditaj, se ili sentas sin koncernataj de tiu kritiko, la resto konsistas el indiferenteco kaj senrespondeco, kiel pruvas amaso da ekzemploj. En la Esperanto-movado la racia individuo povas ekzisti nur, se li/ŝi ignoras ĉian propagandon, ĉiajn malraciajn sintenojn, reagojn, komentojn kaj kritikojn, kiuj estas abundaj, eĉ kutimaj. Blufo, mistiko, troigo, ŝajno, revo, klaĉoj, eble ankaŭ envio kaj ĵaluzo (pro nenio) karakterizas la etoson en la Esperanto-movado, ne la realeco. En ĉi tiu movado ofte la racia individuo estas detruita de la neraciuloj, de la spekulantoj kaj flatantoj-hipokrituloj, dum tiuj lastaj triumfas. En la Esperanto-movado ofte dominas homoj, kiuj fiaskis en la „normala“ vivo kaj kiuj serĉas rekompencon en la Esperanto-movado, kie tiaj personoj havas la okazon ludi rolon, eĉ kun la aplaŭdo de iuj iliaj admirantoj de la sama speco. La Esperanto-movado ankaŭ tute ne interesiĝas pri sia propra historio aŭ ekzemple pri identeco-problemoj de individuaj movadanoj, ĝi ne interesiĝas pri sociologio, nek pri lingvofilozofio, nek pri kulturantropologio, nek pri io ajn ligita kun tiuj disciplinoj. Fakte krom pri la „fina venko“, iom pri lingvopolitiko kaj t.n. lingvaj rajtoj (kiujn ĝis nun neniu kapablis difini), la Esperanto-movado interesiĝas pri nenio alia. Progresantojn, kiuj volas plu lerni Esperanton, oni lasas stari sub la pluvo, ĝis tiuj forlasas nin frustritaj. Ĉefe gravas, se oni pagas la kotizon kaj partoprenas la ĝeneralan jarkunvenon, dum la kunsido oni prefere silentu kaj aplaŭdu la estrojn kaj (pseŭdo)gravulojn, kiuj diskutas banalajn aferojn. Oni promesas ion ajn, 1001 aferojn, sen plenumi la promesojn, ĉar oni timas respondecon. Riproĉojn kaj kritikon oni rifuzas. El tiuj vidpunktoj tiu movado estas sufiĉe subevoluinta. Neniu kuraĝas kaj pretas fari objektivajn analizojn kaj konsideri konkludojn, ĉar mankas kapablo kaj kuraĝo. Monde kompareblaj atingaĵojn (sukcesoj kaj produktoj) ekzistas en Esperanto nur malmultaj, kreitaj de iuj eksterordinaraj talentuloj.*

## Postskribo al la 17-a Ko-Fo-letero

Mi petas vin mesaĝe reagi al mi pri ĉiuj aktivaj solvotaj problemoj **antaŭ la 5-a de septembro 2009**. Anticipan dankon! – En Brno la 25-an de julio 2009. *Jan Werner*